„Mutig vorwärts!" **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen!"

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

**Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Delegitaro kaj Esperanto-Delegitaro de Wien.**

**5a jaro. No. 10** **Monata** **Oktobro 1928**

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ. S 4.80, germanlandanoj RM 3.25, alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug. 

**Internationales Esperanto-Museum in Wien.**

In der Nationalbibliothek am Josefsplatze wird das Int. Esperanto-Museum errichtet, das eine Sammlung der gesamten Weltsprachenliteratur auf wissenschaftlicher Grundlage werden wird.

Die feierliche Eröffnung wird am 30. Juli 1929 stattfinden.

**Esperanto und die Kaufmannschaft.** In Paris (XVII), 9 rue d'Armaillé hat sich eine Gesellschaft „Esperanto und Handel" gebildet, die den Zweck verfolgt, vermittels Esperanto Kaufleuten, die nicht französisch, aber Esperanto verstehen, französische Erzeugnisse anzubieten, ihnen beim Verfassen und Druck von Katalogen und Prospekten in franz. Sprache behilflich zu sein und diese von Frankreich wegen der niederen Postgebühr zu versenden, für sie Vertreter in Frankreich zu finden, ihnen Nachrichten über die Leistungsfähigkeit franz. Firmen und Anmelden von Patenten zu besorgen usw.

Die Gesellschaft gibt ein eigenes Nachrichtenblatt heraus, das über Wunsch zugesandt wird und in Esp. und franz. geschrieben ist.

L. Sosnowski, angesehener proletarischer Journalist, Moskau: „Für besonders wichtig halte ich die Durchdringung der Jugend von der Esperanto-Bewegung."
(Der Arbeiter-Esperantist.)

An der Nationalen Arbeiter-Universität in Shanghai (China) wurde Esperanto als Pflichtfach in den Studienplan aufgenommen.

Die städt. Schule für Außenhandel u. Vertretung in Paris veranstaltete zum ersten Male Prüfungen aus Esp. mit ihren Schülern und beteilte sie mit amtlichen Diplomen über die Kenntnis der Sprache.

Seit April läuft an der Mädchen-Hochschule in Tokio ein neuer E.-Kurs mit 112 Teiln. Lehrer H. Iŝiguro. „E. en Nippon."

In der Privat-Mädchenschule für englische Sprache „Furuja-ĵoŝi-Eigakuĵuku" in Osaka, Japan, wird E. unterrichtet. 40 Teiln.
„E. en Nippon."

Einen ungeheuren Erfolg hatte der in Japan veranstaltete Radiokurs. Binnen wenigen Tagen wurden 15.000 Lehrbücher verkauft.

Der Journalistenverband von Tokio hat beschlossen, Esperanto als offizielle Sprache für den Verkehr mit dem Auslande anzunehmen. Er wird in seiner Zeitschrift „Gogai" eine Esperantokolonne und einen Esp.-Kurs für seine Mitglieder errichten.

Die Union der bulgarischen Eisenbahner beschloß, eine ständige Esp.-Rubrik in ihrem Fachorgane einzurichten und für die internat. Korrespondenz Esp. als einzige Sprache zu benützen.

Die „Arzneimittelzeitschrift" der japanischen Arzneimittelgesellschaft bringt am Schlusse ihrer Artikel ein Resumé in Esperanto.

**„Österr. Pädagogische Warte"** brachte in Folge 6 einen Artikel von I. Ehlinger „Welche Fremdsprache soll in der Hauptschule gelehrt werden?" In demselben wird in einem Abschnitte „Esperanto" auf die Vorteile der Erlernung des Esperanto hingewiesen.

---

**Esp.-Gottesdienst in Wien:**

21. Okt. 10 Uhr, I. Minoritenkirche.

---

## Int. Esperanto-Muzeo, Wien.

La kontrakto kun Nationalbibliothek-Wien estas subskribita la 30. de sept., memorinda dato por Esperanto, ĉar je tiu tago **eterna** monumento por la E.-movado estas starigita kaj certigita, „Internacia Esperanto-Muzeo en Wien“.

Komence de 1929 Nationalbibliothek en sia gazetlegejo jam disponigos aron da E.-gazetoj al la samideanoj en la tempo de 9—15 h kaj 16—20 h; same ili povos legi en la granda librolegejo jam la unuan milon da E.-libroj aŭ pruntepreni ilin.

La membroj de IEMW. krome nenion pagos por la legitimacioj, ilin rajtigantaj legi senkoste en ambaŭ legejoj E.- kaj aliajn librojn kaj ankaŭ pruntepreni tiajn.

La kontrakton ni publikigos en la venonta numero.

## VII. Raporto.

### A. Materialo ricevita.

### Unua Wien-a E.-Unuiĝo

en sia ĝenerala kunveno la 2. de oktobro decidis, dediĉi al Int. E.-Muzeo sian riĉenhavan bibliotekon kaj arĥivon. Nobla laŭ tradicio, ĉi tiu unuiĝo donis al la tutmonda esperantistaro vere imitindan ekzemplon kaj ĝi per tiu faro eterniĝis en la historio de IEMW.

Laŭ donaclistoj n-roj:

65. Marie Dittrich-Wien; 66. William Vincent-London; 67. Hugh Nicol-London; 68. Latva E.-Societo-Riga; 69. Einar Adamson-Göteborg; 70. J. Vogel-Schiltigheim; 71. Polica kons. Buchsbaum-Wien; 72. Steiner-Bisamberg; 73. S. Grenkamp-Paris; 74. D-ro Döhler-Riesa; 75. E. Universitata Federacio-Toulouse; 76. J. Ŝirjaev-Baklanka; 77. Seizo Endoh-Jotsnya, Japanl.; 78. Argentina E.-Asocio-Buenos Aires; 79. Jackson Coleman-London; 80. Polica grupo E.-Antwerpen; 81. S-ino Zwach-Wien; 83. Shanghai-a E.-grupo-Shanghai; 84. Windisch Sartovsky-Schmachtenhagen; 85. Soc. française por la propag. de l'Esperanto-Paris; 86. F. Stengel-Wien; 87. A. Naumann-Großenhain; 88. Gorgues Fr.-Barcelona; 89. R. Peter-Bisamberg; 90. Miŝu Beraru-Bucuresti; 91. Ŝankvo E.-grupo (3. Nacia Kolegio)-Tokio; 92. D-ro Pfeffer-Wien; 93. D-ro Sós-Wien; 94. J. Schamanek-Tullnerbach; 95. E.-grupo „Fideleco“-Wien; 96. Trs-Wien.

### B. Mono alveninta:

Novaj membroj: Pojare Rm. 2.— A. Hund-Mainz; Rm. 1.50 Stiegler-Mainz; Rm. 1.— Stelzer kaj Trillhaas-Bremerhaven; Schilling Louise kaj Christian, Raska, Lisberg, gefratoj Engler-Becker, Rada-Mainz; Becker, W. Ross, Frimberger, Hartmann, Agte-Wiesbaden; Radecker-Nürnberg; Pietschmann-Dresden; belg. fr. 15.— Hamann-Wamwatosa; 10.— Hetzel-Philadelphia; 9.— Morcombe-Birmingham; 8.50 Doneis-(nun)Wien, Rollinger-Ansbach; sv. fr. 1.80 Nicol-London; 1.60 inĝ. Orengo-La Spezia; 1.50 Einar Adamson-Göteborg; 1.20 d-ro Patai, Balkanyi, de Mihalik, Tolnaj, Kökeny-Budapest; Ŝ 5.— Köppl-Reichenau (Ĉ. S. R.), Braun, Rud. Foltanek, Postl-Wien; 3.— lern.-insp. Storm-Mürzzuschlag; 1.20 Macho Adolf, Franz und Hermine Wipplinger, Mantel Min., Thea Kohn, Drössler Otto. S 1.— Hallamayer, Adam Marie, Klotzmann Ella, Bartel-Graz; Pernegg-Eggenberg, f-ino Kaes-Wien.

Direktoro de UEA. Hans Jakob promesis sendi multan materialon al IEMW.

## Plena Estraro de la Esperanto-Movado.

Dum la publika kunsido de ICK. kaj KR. en la XX-a oni decidis ŝanĝi la nomon de „Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj“ en „Plena Estraro de la Esperanto-Movado“.

## „Antaŭkongreso al la XXI-a.“ „Malfermo de Int. E.-Muzeo, Wien.“

29. 7. — 1. 8. 1929.

**Estraro:** En la unua kunsido la 3. de okt. jena estraro estas elektita: Prez.: Steiner; Vicprez.: Prof. d-ro Christanell-Salzburg, kolonelo Hackl-Graz, min.-kons. Hawlik-Wien; kas.: D-ro Sós; sekr.: Eldonisto Howorka; protok.: Sperling; krome polica kons. Buchsbaum, Ĉech, instr.-ino Dittrich, konsistoria kons. P. Meŝtan, instr.-ino Müllner, d-ro Pfeffer, stud. jur. Postl, Smital, stud. arĥ. inĝ. Steiner juna, dir. Stengel. ofic. Vasta, instr. Weber.

Krome ni petis la grupojn en Graz, Innsbruck, Linz kaj Salzburg, por ke ili nomu al ni por la komitato po 3 membroj, kiuj preparu kaj respondu la necesajn laborojn dum la alveturado de la alilandaj samideanoj en la koncernaj urboj.

**Kotizo:** Ŝ 7·— en monletero aŭ transpagilo al la kasisto d-ro Sós,

Wien, I., Tuchlauben 18. Mendu poŝtenpagilon. Por abonantoj de AE. nur Ŝ. 5·—; por la membroj de Int. E.-Muzeo la jarkotizo por 1929 jam estas enkalkulita.

**Aliĝoj**: Bonvolu baldaŭ anonci vin.

**Rabatoj** sur fervojo 25 %, sur ŝipo de Passau al Budapest 50 %, jam konsentitaj.

Hovorka, sekr. Steiner, prez.

## Jubileo de „Espero Katolika".

Belega jubilea numero de „Espero Katolika" rememoras nin pri grava dato, fondo de „Espero Katolika" antaŭ 25 jaroj, en oktobro 1903.

De ĉi tiu tempo ĝi senĉese aperis, malgraŭ tre oftaj, malagrablaj financaj cirkonstancoj. La direktoro-fondinto estis P. Emilo Peltier, la nuna P. G. Ramboux.

E. K. estis la ĉiama plej bona varbilo inter la katolika esp.-istaro.

Ni kore gratulas okaze de ĝia jubileo kaj esperas pluan fruktigan laboron en la katolikaro tutmonda.

### Historio de E.-movado en Zamenhofa Naskiĝurbo.

Zamenhofa E.-Societo en Bialystock (Polujo) pretigas eldonon de „Historio de E.-movado en Bialystock" kaj petas jenajn s-anojn, kiuj scias ion pri la movado en Bialystock kaj distrikto (kursoj, prelegoj, grupoj fotografaĵoj ktp.), komuniki tion al ĝi. Do kunhelpu!

### Radio-Esp.-kurso el Polujo.

Ĉu oni ne miru, ke el Polujo ĝis nun Radiostacioj faris nenian Esp.-disaŭdigon?

Bonega stacio, aŭdebla en tuta Eŭropo troviĝas en Katowice! Bonega, sperta esperantisto, nia Lingvo-Komitatano d-ro Dreher, bone konata en la esperantistaro, kiu ĵus eldonis bonegan libron „Supera Kurso de Esp.", estas certe je dispono de la Stacio, fari superan kurson nur en E. parolotan.

Do petu skribe en germana lingvo „Polskie Radjo, Katowice, Pollando" pro disaŭdigo de tia kurso kun helpo de d-ro Dreher, ĉar vi volonte aŭskultos tiajn lecionojn.

La direktoro de Radio-stacio respondos ĉiun vian alskribaĵon en iu ajn vendredo je 22·30 franclingve.

---



## El mia vivo.

(Daŭrigo.)

J. Ŝirjaev-Balklanka, USSR.

D-ro L. Zamenhof tiam estis la sola persono en Rusujo, de kiu oni povis ricevi lernolibrojn, legolibrojn, kiu akceptis abonon je la gazeto, kiu donis diversajn informojn al komencantoj. Nu, multaj tiamaj rusaj esp.-istoj (mi konfesas, ankaŭ mi) ofte trouzis tian bonecon kaj superŝutis lin per bagatelaj kaj enuigaj petoj, tute ne supozante, kiel tio ŝarĝis la ĉiam okupitan homon.

Baldaŭ, laŭ mia peto, li sendis al mi kelkajn adresojn de esp.-istoj kaj mi komencis „verki" ruslingve kaj poste traduki en E.-on leteron sendotan al ili. La tasko ne estis facila, ĉar la laboro estis ne kutima, la lernolibro enhavis nur la elementajn, mallongajn gramatikajn regulojn kaj en la vortareto ofte forestis plej necesaj por mi vortoj. Ne trovante en ĝi tiun aŭ alian vorton, mi senĉese estis devigata anstataŭi bezonan kaj ne troveblan vorton per ia alia iom similsenca, sed ofte unu tia ŝanĝo kripligis sencon de tuta frazo kaj mi devis rekonstrui ĝin, timante, ke oni ne komprenos min. Mi memoras, mi sendis la tiamaniere fabrikitan unuan E.-leteron al kvar diverslandaj personoj, unu el kiuj, feliĉe estis mia samlandano-ruso s-ro V. Gernet el Odessa. Li tre baldaŭ respondis al mi kaj poste dum longa tempo estis mia gvidanto kaj konsilanto. Poste mi sciiĝis de li, ke „La Esperantisto" ne plu estas abonebla, ke en la fino de la jaro esperebIe aperos en Svedujo la nova, redaktata de li.

Baldaŭ unu okazo tre surprizis min kaj havis neelstrekeblajn sekvojn por mia plua agado, eĉ por la tuta plua vivo. En la mezo de l' somero la edzino de la frato venis al Jaroslav (la urbo, kie mi lernis) kaj tie inter multaj siaj malnovaj gekonatoj vizitis instruistinon de la franca lingvo, kiu ĵus konatiĝis kun E. kaj decidis, sin dediĉi al ĝia propagando. Granda estis ĝojo de ŝi, kiam la gastino

aludis al ŝi pri mia emo al la lingvo. Ŝi tuj skribis al mi longan, koregan leteron kaj petegis, ke mi aŭtune, kiam mi venos en la urbon, vizitu ŝin.

„Neniu en la urbo“, ŝi skribis, „scias la lingvon, neniu povas helpi al mi en ĝia studado kaj propagando. Bedaŭrinde mi havas tian aĝon, kiam oni ordinare jam ne lernas ion novan ... tamen mi devas, mi promesis ellerni E.-on kaj propagandi ĝin. Kvankam mi tute ne konas vin, sed mi scias jam, ke vi estas bona knabo, ĉar mi aŭdis, ke ĉiuj esp.-istoj estas ĉarmaj, bonaj homoj. Do venu al mi kaj estu mia instruisto, helpanto, kunlernanto, unuvorte estu tiu, kiu vi volas esti .....“

Mi ne povas esprimi per vortoj mian ĝojon, mian entuziasmon, kiam la bofratino revenis kaj enmanigis al mi la leteron. Mi legis, relegis ĝin ĉiutage kaj jam kun malpacienco atendis, ke la somero pasu pli rapide, ke pli baldaŭ venu la lernsezono.

Ĝuste antaŭ mia forveturo mem venis la unua eksterlanda E.-letero el malproksima Portugalujo, pri kiu mi havis ĝis tiam plej neklaran ideon ĝenerale, ĉerpitan el lernolibroj. Sed tio ne estas grava, grava por mi estis tio, ke oni komprenis min, ke mi miaflanke komprenis la fremdulon, ke antaŭ mi dank' al E. estis malkovrataj senlimaj horizontoj de kunrilatiĝo kun la tuta kultura mondo, ke por mi vere venis la nova — „sesa“ — sento!

En bela vespero mi venis la urbon. Dum la vojo mi firme decidis, neniom prokrastante, tuj de la vaporŝipo iri al la misteroplena samideanino. Tiel mi faris. Bone konante la urbon, mi baldaŭ trovis la domon, ankaŭ la loĝejon, sur kies pordo mi kun kortremeto tralegis ŝian nomon, sed mia malbenita konfuziĝemo, kiu multe malutilis al mi dum la juneco, superis: mi staris iom da tempo antaŭ la pordo ne kuraĝante sonorigi kaj foriris promesante al mi, fari tion dum la venonta tago.

Kun ia senkaŭza timo kaj post ioma hezitado mi sonorigis ĉe la pordo dum vespero de la sekvinta tago. La pordon malfermis modeste vestita jam ne juna sinjorino kun inteligenta vizaĝo kaj mildaj, bonaj okuloj, kiuj ĉarmis min de la unua rigardo. Ŝi demande rigardis min, mi pro emocio ne povis diri eĉ unu vorton.

Kiun vi bezonas, mia kara? Kiu vi estas?

Kaj apenaŭ mi nomis min, ŝi kaptis min je la mano kaj kondukis en la ĉambron. Ŝi sidigis min en molan apogseĝon kaj, ne deturnante de mi sian rigardon, superŝutis min per demandoj. El plua interparolo montriĝis, ke ŝi delonge jam atendis mian viziton. ke multaj ŝiaj gekonatoj kaj gelernantoj de la franca lingvo jam esprimis sian deziron studi E.-on kune kun ŝi sub mia gvidado. Vespere de proksima sabato mi devis veni al ŝi por konatiĝi kun ili kaj en la kunveno ellabori planon de niaj studo kaj propagando farota en la urbo.

Kia vi estas maldiketa kaj modesta! — ŝi diris al mi adiaŭante. — Mi rigardis vin kaj ĉiam pensis pri mia fileto mortinta, li estis treege, treege simila al vi. Adiaŭ, mia kara fileto, — ŝi aldonis kaj kisis min sur la kapon.

Sabate mi sonorigis jam pli kuraĝe. La pordon malfermis juna servistino.

Ĉu vi estas la instruisto? ŝi demandis min ridetante kaj kun nekaŝebla moktono en la voĉo. Oni jam delonge atendas vin.

Mi nenion respondis. El la najbara ĉambro aŭdiĝis voĉoj kaj rido, sur la tablo de la antaŭĉambro mi ekvidis amason da virinĉapeloj, sur vesthokoj pendis ĉapoj de iaj oficistoj kaj unu eĉ de oficiro. Mi neniam sentis tian konfuziĝemon, kiun mi eksentis en tiu momento, mi jam estis preta forkuri sed — estis tro malfrue. En la pordo aperis la konata figuro de la maljunulino. Ŝi kisis min kaj kondukis en la societon. Oni premis mian manon, la mastrino nomis al mi la ĉeestantojn; mi nenion aŭdis, nenion vidis. Nur kiam mi estis lokita en la apogseĝon, mi kvazaŭ rekonsciiĝis kaj kun miro rigardis fraŭlinojn, gravmienajn sin-

jorojn kaj iajn junulojn, kiuj ĉirkaŭis min de ĉiuj flankoj. Kredeble mi aspektis tiam, kiel malgranda sovaĝa besteto, alportita subite en kaĝon, kaj estis ridinda. Tamen kun helpo de mia favorantino mi baldaŭ ekregis min kaj post kelkaj minutoj, laŭ ŝia peto, laŭte legis la Esp.-himnon kaj la leterojn ricevitajn el Portugalujo kaj de s-ro Gernet kaj tradukis ilin en la rusan lingvon.

Daŭrigota.

## La poŝtmarko — internacia ĉiesaĵo.

Direkcia kons. Gustav Plass, estro de poŝtmarka fako en „Dorotheum".

Kiel per Esperanto oni havas ligilon, kiu alproksimigas la popolojn disajn pro la diverseco de iliaj lingvoj, tiel ankaŭ en la malmultŝajniga poŝtmarko enestas forto, kiu ne estu facilanime maltro estimata. La tuta mondo ĝin ŝatas kaj ĉiuj nacioj liveras al ĝi sen antaŭa interkonsento multnombran anaron, kiu reciproke sin certe pli bone komprenas ol kapablas fari la ŝtatistoj, kiuj regas la eksterajn aferojn.

Tial la poŝtmarko en mallonga tempo povis venkakiri al si la econ de speco da internacia ĉiesaĵo kaj komuna intereso, ĉar duonjarcento certe estas treege malgranda periodo en la tempo de l' mondestado.

Ĉar ĉio, kio subtenas racian pacifismon, estas akcelinda, kiel ankaŭ oni devas plej akre kontraŭbatali ĉion, kio malutilas ĉi tian entreprenon, tial ĉiuj rimedoj, kiuj povas utili la starigitan celon, indas esti akcelataj kaj prizorgataj.

Tiamaniere Esperanto kaj la poŝtmarko estas kunbatalantoj — kvankam diversaj laŭ la formo sed parencaj laŭ la efiko, se ankaŭ ĉiu siamaniere.

Nun pri la poŝtmarko: Jam en la formo ni trovas je ĉiuj poŝtmarkoj de la mondo la ortangulan formaton de la unua poŝtmarko, kiu estis eldonita en Anglujo en 1840. La grando de la ortangula formato ne ĉiam restis la sama, sed ĉiuj aliaj formatoj ne montriĝis taŭgaj, se ili estis presitaj tro malgrandaj aŭ tro grandaj aŭ se oni uzis triangulan anstataŭ ortangulan formaton. La plej malgranda poŝtmarko estas el Bolivio, aliaj malgrandaj estas el Aŭstralio, sed ni ne forgesu la kvaronigeblajn poŝtmarkojn el Mecklenburgo. Koncerne la grandformaton ni trovas en ĝi anglajn funtvalorojn, la turkajn sultankapojn kaj aŭstriajn jubileomarkojn el la jaro 1910; sed la nepraktikan triangulformaton ĉe altvaloroj de francaj poŝtmarkoj el Obock kaj aŭstria serio de ekspresmarkoj. Ĉiuj inventoj, faritaj por anstataŭigi la poŝtmarkon, estis forlasataj pro ĝia plipraktikeco.

La poŝtmarko fariĝis ekster sia poŝta uzado ankaŭ kolektadobjekto ne nur en neuzita stato; ĝi estas tiom ŝatata, ke eĉ uzita ĝi enhavas valoron, kiun nur tiu kapablas taksi, kiu estante kolektanto posedas sciojn pri la valoroj de poŝtmarkoj. Se poŝtmarkoj ne reprezentus valoron, certe poŝtmarkokatologoj, kiuj estas eldonataj en ĉiuj lingvoj de la mondo, ne havus ekzistrajton. Sed miloj kaj miloj de interesatoj sopire atendas ĉiujare la aperon de la novaj katalogoj, por foliumi en ili kaj certiĝi, ĉu ne la prezo de unu aŭ alia marko plialtiĝis. Ĉar la plej bona subteno de l' kolektado troviĝas en la ĉiama altiĝanta valoro de la kolektitaj objektoj.

Kiel povus en ĉiuj landoj ekzisti komercistoj de poŝtmarkoj, se la negoco ne estus tiom enspeziga, ke ĝi donas sufiĉan profiteblon. Grandaj vendejoj en la plej diversaj landoj ofertas poŝtmarkojn kiel vendadobjekton same kiel antikvaĵoj estas vendataj de antikvaĵvendistoj. En Aŭstrio „Dorotheum" estas je dispono de la poŝtmarkoj kaj oni certe povas supozi, ke tia publika laŭjura instituto de impona graveco verŝajne ne okupiĝus kun tia materio, se ĝi ne scius, ke specialigo donas ne nur al la instituto mem, sed ankaŭ al la vendistoj kaj aĉetantoj menciindajn avantaĝojn.

Oni je ĉi tiu okazo ne forgesu, ke la meza klaso socia same kiel la riĉulo havas la bezonon je kolektado kaj ke fine la pasio al kolektado estas ankoraŭ kronata de mona sukceso, se tiu estas praktike aranĝata.

Speciala gazeto peras la interrilatojn de la poŝtmarkfako en Dorotheum kun ĝia klientaro, ĉar ĉiu ofertita vendokvanto de la aŭkcioj estas fiksata en „Informilo por poŝtmarko-aŭkcioj" (Nachrichtenblatt für Briefmarkenauktionen) kun indiko de lando, stato, laŭkataloga valoro kaj aŭkcia komencprezo. Ĉar la lasta, fiksita de ambaŭ ekspertoj de la poŝtmarkfako, devas esti nomata malalta, estas nun afero de la interesata klientaro, aŭ mem ĉeestanta aŭ mendinta letere, oferti ĝis tiom, kiom ŝajnas al ĝi konvena. Ĉiam pli vastaj rondoj en eksterlando sciiĝas pri ekzisto de poŝtmarkfako kaj la de ĝi aranĝataj aŭkcioj. Pro tio oni facile komprenas, ke la nombro de la skribe mendanta klientaro ĉiam pliiĝas, despli, ĉar ĝi senpage ricevas „Informilon" kaj havas la eblon, fari aĉetojn profitige per la aŭkcioj, kiujn oni certe povas nomi modela afero por la kolektantaro tutmonda. Se ni ankoraŭ aldonas, ke poŝtmarkoj povas tie esti garantiaĵe deponataj, por pruntepreni monon, oni el ĉio dirita povas konkludi, ke Aŭstrio estas en ĉi tiu fako pioniro.

Dankante al A. E., ke ĝi per publikigo de ĉi tiuj linioj servis al nia afero, ni ankoraŭfoje deziras mencii la intiman parencecon inter „poŝtmarko" kaj „Esperanto", kiu ja esprimiĝas ankaŭ en la fakto, ke estis jam eldonataj poŝtmarkoj kaj -kartoj kun E.-surskribo.

## Malgranda kant'.

Malgranda kant' . . . efikas ĝi do kiel?
Ke oni ĝin provas ami tiel.
De kie tia ravo?

Enestas en ĝi iometa da ton',
Iomete da kant' kaj da belson,
Kaj tuta anim' . . . la enhavo.

De Maria von Ebner-Eschenbach.
Esperantigis Adolf Macho.

## La paseroj (Lessing).

Malnova preĝejo, kiu ebligis al la paseroj sennombrajn nestojn, estis riparata. Kiam ĝi ekstaris nun en sia nova beleco, la paseroj revenis serĉante la iamajn loĝejojn. Sed trovinte ilin morteriumitaj, ili ekkriegis: „Por kio la granda konstruaĵo nun estas utila? Venu kaj forlasu la netaŭgan ŝtonamasegon!" E.-igis Jos. Brückl.

## Kial oni trinkas?

„Je kaŭzoj por trinki neniam estas manko. La homoj trinkas, kiam ili revidas unu la alian, kiam ili adiaŭas sin; ili trinkas, kiam ili havas malsaton, por forigi la malsaton; ili trinkas estante sataj, por instigi la apetiton. Ili trinkas, kiam estas malvarme por varmigo, kiam estas varme por refreŝigo. Ili trinkas, kiam ili estas dormemaj, por teni sin maldormantaj; ili trinkas estante sendormaj por ekdormi. Ili trinkas, ĉar ili estas malgajaj, ili trinkas pro gajeco. Ili trinkas, ĉar iu estas baptata, iu entombigata, ili trinkas, trinkadas — — —.

Prof. Bunge, Basel, laŭ „Heilig Feuer" Wien, trad. W. Mudrak.

## Gravaĵoj el la mondo.

**Esp.-disaŭdigoj el München-Nürnberg.** La unuan fojon s-ano Alex. Starke, profesia aktoro kaj recitisto, legis „La princino sur la pizo" de Andersen kaj kelkajn anekdotojn. La 11. X. li laŭtlegis tradukojn el „Trezorkesteto" de Hebbel. La **22. de okt.** li legos humoraĵon „La veto", tradukitan el la nordgermana dialekto (Fritz Reuter). Bonan akcepton sciigu al Radio-stacio Nürnberg.

**Hungara informa korespondado per E.-HIKE.** celas senpolitike raporti pri disvastigo de E. en Hungarujo, pri plej interesaj hungarlandaj okazintaĵoj ktp. Reciproke ĝi intencas presigi notojn pri E.-aferoj alilandaj en hungaraj gazetoj. Estro: d-ro J. Lukács, Budapest, VII. Pillango-u. 13.

**Wochenbericht der Gesellschaft für kulturelle Verbindung der Sowietunion mit dem Auslande:** Grava kaj tre interesa, bele ilustr. revuo; aperas en Moskva, Malaja Nikitskaja 6 en germana, franca kaj angla lingvoj kun resumo en E. Ankaŭ mendebla ĉe R. Lerchner, Leipzig O 27, Colmstr 1.

**Deviga instruado de E.** en Komerca Liceo de „Asocio de Komercistoj" en Rio de Janeiro komenciĝis en la nuna jaro. Ĝin gvidas Carlos Domingues, prez. de Brazila Klubo E.-ista.

**Unua Foiro de Rio de Janeiro** okazis la 30. junio. Raporto pri ĝi aperis en E. Adr.: Escriptorio da Commissao Executiva das Feiras do Rio de Janeiro, Brasil.

**Ĉilia Ligo E.-ista** estas starigita en Santiago. Prez. d-ro Julio Salazas Roijers. Per Radio oni anoncis tiun novaĵon al ĉiuj nacioj de Okcident-Sudameriko. (Ĉiuj 3 laŭ Brazila E.-isto.)

**La Kongreso de geinstruistoj de baltaj ŝtatoj (28. 6.) en Tallinn** (Reval) laŭ propono de A. Audova, privatdocento ĉe la universitato de Tartu (Dorpat) rekomendis la uzadon de E. kaj komisiis la estraron pridiskuti la definitivan elekton de rusa aŭ germana lingvoj aŭ de E.

**Foiro de Frankfurt a. M.**, eldonis sian prospekton por la aŭtuna foiro 1928 denove ankaŭ en E.

**En knabina lernejo de Mie-Ken** E. estas instruata anstataŭ la lingvo angla.

**En la Nacia Altlernejo de Macue** kurso kun 100 studentoj.

**En kurso de fervojista ligo (Tokio)** 50 pers. partoprenis.

**Societo de l' Lingvo Angla** de Hukujama Metodista-Eklezio aranĝis E.-kurson.

**En mezlernejo Hukujama** kurso kun 10 instr. kaj 50 stud.

**Sendai: El Radio-stacio JOHK.** prof. Saisi Tada parolis pri „Utileco kaj sukceso de E.". (Laŭ Nikos E.-Kwai, Sendai.)

**Ĉinujo.** Lau publikigo de Ministerio por instruaferoj la nacieca registaro decidis la fondon de E.-Instituto kaj disponigis la necesajn monrimedojn. La instituto aranĝas trijaran kurson por 120 studentoj, kiuj post farita ekzameno estu instruistoj en la diversaj provincoj.

**Kristana Esp.-ista Ligo Internacia (KELI)**, starigita sur evangelia kristanismo dum la XX-a decidis, denove komenci viglan agadon. Helpemuloj al la disvastigo de E. inter la kristanaro bonvole sendu proponojn, monhelpojn kaj aliĝon (jarkot. minimume 1 angla ŝil.) al Paul Hübner, Bergstr. 1a, Quedlinburg (Germ.) aŭ C. A. Fairman 24 Binfield Rd, London SW. 4.

**„Nur volu"**, verko de Izgur aperis kiel traduko el E. en nederlanda. sveda, germana, rusa, franca, ukraina kaj hungara lingvoj.

**„Oomoto Internacia"** reaperos en novembro kun novaj rubrikoj „Japanaj respondoj" kaj „Filmarto". Abonu ĉe Koogecu Niŝimura, 124 rue de la Pompe, Paris 16.

**E.-Propaganda Abt. d.** Oberöst. E.-Vereinigung (Leiter G. v. Schmidt u. Dir Wanek) dissendis germanlingvan alvokon pri E.- kaj instigas al lernado.

**„Die Weltsprache"**, Postamt 34, Wien. Aperis n-ro 1 (sept.) de tiu ĉi germanlingva propaganda kaj gazetinforma bulteno.



## Ŝtata ekzameno.

Sinanoncoj estu sendotaj al la direktoro de la ekzamenkomisiono, Wien, I., Burgring 9, ĉambro 53 ĝis 25. de okt. La skribaj ekzamenoj komenciĝos la 5. de nov. je la 8h. en Bundeslehrerinnenbildungsanstalt, Wien, I., Hegelgasse 14.

## Deficito el XVI-a.

Post la lasta (kvara) bilanco (v. AE. 7/8) venis jenaj subvencioj:

| | | |
|---|---|---|
| Brita E.-Asocio (Goldsmith) . . . | a. F. | 1-1-3 |
| Germana E.-Asocio . . . . . . | Rm. | 12·— |
| Vincent S., S. Francisko . . . . | Dol. | 5·— |
| egalvaloras . . . . . . . . | aŭ. Ŝ. | 101·37 |
| poŝtelspezoj . . . . . . . . | „ „ | 9·21 |
| | aŭ. Ŝ. | 92·16 |
| Deficito laŭ lasta bilanco . | aŭ. Ŝ. | 12.688·99 |
| malpliiĝis je . . . . . . . | „ „ | 92·16 |
| restas deficito . . . . . . | aŭ. Ŝ. | 12.596·83 |

Por LKK.: D-ro Sós. Por AED.: Steiner.

Brita E.-Asocio sendis ankaŭ en decembro 1927 a. F. 3-10-— por venditaj kuponoj. La sumo estas enkalkulita en la kvara bilanco. Ni notas ĝin nur nun, ĉar AE. preterlasis tion fari en n-ro 7/8. Steiner.

## Unua Wien-a E.-Unuiĝo.

Eksterordinara ĝeneralkunveno pritraktis la 2. de okt. gravan programon.

La proponoj koncerne likvidon aŭ eventualan ligon kun alia E.-societo estas malakceptitaj. Novelektita estraro: Prez.-Steiner, vic.-prez.-d-ro Sós, sekr.-inĝ. Sinnek, f-ino Raff, kas.-f-ino Kaes, krome eldonisto Hovorka, Lackenbacher, mag. ofic. Siedl, majoro Sinner, Székely kaj mag. Taussig. Majoro Sinner ne plu volis esti prez., sed

konsentis eniri la estraron, pro kio la prez. dankis lin.

Grava estis la lasta punkto de la tagordo. En vere nobla, tradicia maniero „Unuiĝo“ laŭ propono de d-ro Sós decidis, dediĉi al Int. E.-Muzeo la tutan bibliotekon kaj la por la historio de E. en Aŭstrio gravan arĥivon. Per tio Unuiĝo montris, ke ĝi tute komprenis la gravecon de IEMW por la E.-movado entute kaj por Wien speciale.

„Unuiĝo“ depost sia fondiĝo estis distinga asocio kaj la estraro nun intencas, pliviglig la vivon en ĝi, por ke Unuiĝo povu plej baldaŭe akcepti jenajn distingajn personojn el sciencaj kaj politikaj sferoj, kiuj jam montris sian emon veni.

En novembro okazos parolado, ankoraŭ sciigota; en decembro Zamenhoffesto kune kun memorfesto al kolonelo Zwach. Samtempe F. J. Schade jubileos estante 20 jarojn membro de Unuiĝo.

La kunvenoj nuntempe okazas en kafejo Hofbauer, I. Schellingg. 12, ĉiun mardon de la 17.30 h.

Unuiĝo kore akceptos ĉiujn samideanojn grandĝoje, sed necesas, ke la samideanoj kaj ankaŭ neesperantistoj el Wien kunportu „invitilon“, havebla de ĉiu membro de Unuiĝo kaj marde, ĵaŭde kaj sabate (9—12 h) en Int.-E.-Muzeo, Wien I. Annag. 5, ankaŭ je skriba deziresprimo.

Se tio ne estis eble, bonvolu en la kunveno peti la „invitilon“, kiun oni vonlonte ankaŭ tie skribos por vi.

## Nova grupo.

Kiel filio de KUE. fondiĝis E.-grupo „Gajeco“ Wien, XVI., Ottakringerstr. 196, gastejo Opfermann (ĉasĉambreto). Ĝi konsistas precipe el gejunuloj kaj ili kunvenas ĉiun lundon je la 19 h.

## Kursoj.

**En Apolloneum** instruas f-ino Paula Kausel.

**Gremium der Wiener Kaufmannschaft** laŭ iniciato de dir. Stengel enprogramigis E.-on por Komerca Akademio Karlsplatz (gvid. dir. Stengel) kaj ĉe Hamerlingplatz (gvid. prof. Simon).

**Esperanto ĉe la polico.**

En la lernejtaĉmento de la policdirekcio-Wien komenciĝis meze de sept. 6 kursoj, inter kiuj tri por komencantoj (70 pers.). Instruas Steiner. La kursoj estas instalitaj kaj pagataj de la direkcio.

---

Gratulon al ge-doktoroj Flasch. Vivu la nova junesperantisto!

---

**Bisamberg**: Kurso komenciĝis la 14. de sept.; gvid. lern.-kons. Peter.

**Braunau**: Kurson gvidas f-ino Haselbauer.

**Klosterneuburg**: Parolado de prez. Steiner en Klosterneuburger Urania la 5. 10. 28, kvankam ĝi estis anoncita en Klosterneuburger Zeitung kaj sur la afiŝoj de Urania kaj s-ro Schauer memklopodis, nur estis vizitata malbone.

**Korneuburg**: Kursoj en la lernejo komenciĝis kaj la financa komitato de la urbestraro konsentis, kiel en la lasta jaro, la pagon de la kursoj.

**Linz**: Dir. Wannek faris propagandvojaĝon en Salzkammergut kaj interesigis la direktorojn de banlokoj Schallerbach, Gmunden kaj Ischl, kie li ankaŭ varbis inter la profesoroj kaj instruistoj.

**Ried**: Parolis 29. 9. s-ro Wannek el Linz pri Brazilio kaj pri Esp.-Kursojn gvidas fakinstr. Jungschaffer (1 publikan, 1 en la lernejo kun 20 knaboj).

**Stammersdorf**: Fakinstr. Schneider gvidas kurson en burĝlernejo. La komunumo konsentis rekompenci ĝin. Pro tio la distrikt-lernej-konsilantaro esprimis dankon al la komunumo.

**St. Pölten**: Dank' al la fervoro de vicurbestro Peer kaj lernejinsp. Handl ree ekfunkciiĝis 5 kursoj en la geknabaj lernejoj. Instruas f-ino Wallenböck kaj s-ro Anderlik.

**Weidling**: La 18. sept. okazis malfermo de nova kurso. Parolis lernejestro Plankl, kiu mem partoprenas la kurson kaj disponigis la ejon, kaj subkolonelo Neumann, nia konata propagandisto. La kurson gvidas nia malnova pioniro Schauer-Klosterneuburg.

**Wien: Katol. Unuiĝo E.-ista.** La 30. IX. estis aranĝita St. Hildegardo-festo en Kapitelsaal ĉe St. Michael, I., Habsburgerg. 12. La festparoladon faris dir. Schiebel. Parolis ankaŭ P. Kudrnowsky. Prez. Steiner raportis pri la venontjaraj aranĝoj. Kunvenoj de nun ĉiun merkredon 17.30—19.30 en Akademikerheim (I., Schottenhof).

---

Bonvolu ĉiam tuj informi nin pri ĉiuj okazintaĵoj en viaj loko kaj distrikto. Sendu ankaŭ la kopiojn de reskriptoj oficialaj, kiuj koncernas E.-on.

Ĉio interesas nin!

## Rimarkindaj Presaĵoj.

**Biblioteko Nova Kulturo I. jaro No. 1.**

La alta **Idealo** de Petr Danov. Esperantigis: Dian. Ĉi tiu nova revuo celas disvastigon per Esperanto de la „Nova Kulturo", kreita de Majstro Danov kaj bazanta sur okultismo. Ĉi tiu okulta movado estas en Bulgarujo jam rimarkinde granda kaj estas organizata en la asocio: „Blanka frataro". La unua kajereto de la revuo entenas krom klarigoj pri la celo ankaŭ instruajn vortojn de la majstro, laŭ kiuj oni povas konatiĝi kun la tendenco de lia skolo. La enhavo de la kajero estas certe tre interesa kaj la traduko bonstila. Nur pri uzo de l'akuzativo kaj pri la prepozicio „ĉe" ne estas nia samideano jam tute firma. La vorto „kristismo" (kristanismo) ne estas taŭga, kaj se oni ĝin partigas jene: kri-stismo (p. 6—7), eĉ terura. Ankaŭ „ĉi" antaŭ substantivoj ne plaĉas al mi. Cetere ĉiu volonte legos la verketon kaj abonos la tutan jarkolekton, kiu serĉas sian vivfeliĉon en okultaj tezoj. Jara abono, 10 numeroj, sv. fr. 3·—. Adreso: Atanas Nikolov, str. Car Ivan Ŝiŝmann 19, Burgas-Bulgarujo.

Sós

**Centra librejo Esperanto, Sofia:**

**Novaj Bulgaraj Rakontoj.** de Ivan Vazov. Trad. Georgi Atanasov. Prz.: sv. Fr. 1·—. La eminenta kaj populara bulgara poeto Vazov estas ankaŭ en nia Esp.-literaturo bone konata. Ankaŭ la sep noveletoj, aperintaj en ĉi tiu kajereto, estas belaj fruktoj de lia rakontista talento. Kvankam la tradukinto ne atingis la plej altan nivelon de tradukarto por esperantistaj verkoj, tamen la libreto estas sufiĉe flue legebla. Ĝenas nur ofte la tro abundaj „ad" kaj multfoje superfluaj participoj, kiuj pezigas la stilon. La presaĵo estas bedaŭre tre primitiva. Malgraŭ tio estas la verko tre rekomendinda legaĵo.

Sós.

**Espero Katolika-Paris:**

**Encikl ka letero de Lia Papa Pio XI.** pri la Universala Reĝeco de Jesu-Kristo.

Pastro Jos. Schmidt zorgeme trad. el la latina lingvo la seriozan leteron, kiun Lia Papa Moŝto sendis al patriarkoj, episkopoj kaj aliaj ordinatoj kaj kiu temas pri la enkonduko de nova festo en la liturgia jaro, nome speciala festo de la reĝeco de Jesu-Kristo. Tiu festo estu solenata ĉiam en la lasta dimanĉo de oktobro, kiu antaŭiras la feston de Ĉiuj Sanktuloj. Jam la profetoj de Malnova Testamento, Isajo, Jeremio, David anoncas la reĝecon de Kristo. Nova Testamento despli ĝin konfirmas. Se la homaro enkondukos Kriston kiel reĝon, baldaŭ estiĝos ordo en la publika kaj privata vivo, en la tuta homa societo. D-rino Flasch.

**Kiel mortis la unuaj kristanoj.** Eltiraĵo el „Chretienne" de Kraszewski.

La enhavo de la broŝureto tion similas al la raportoj, kiujn ni nun legas en la gazetoj pri la persekutoj de la kristanoj en Meksikujo. La roma nobelo Julio Flavio priskribas en letero al sia amiko Kajo Macero la turmentojn de la unuaj kristanoj sub la regado de imperiestro Nero. Precipe la heroa morto de nobelulino Sabino Marcia, kuzino de J. Flavio ege interesigas la leganton. — Ju pli grandiĝis la aro de la mortigitoj, des pli ankaŭ la aro de la konvertitoj tiel, ke ĉiu ekzekuto fariĝis nova triumfo por la kristaneco.

Em. Robert bonege trad. la eltiraĵon.

D-rino Flasch.

**Aliaj:**

**A-B-C de Esperanto.** Yoshi H. Ishiguro, Kokusaigo-Kenkjiv-Ŝa, Tokio. Malgranda japana E-gramatiko. Propaganda eldono 0.10 Sm., luksa eld. 0.22 Sm. afrankite.

**Akbar,** Orienta Romano de P. A. S. van Limburg Brouwer, trad. I. C. kaj J. R. C. Isbrücker kaj J. Ziermans; eld. de la tradukintoj, s'Gravenhage (Nederl.); 1923; 256 pĝ.

Akbar, imperiestro de Hindujo 1556—1605. Lia tomba konstruaĵo apud vilaĝo Sekandra, proksime ĉe Agra, estas unu inter la plej famaj vidindaĵoj de Hindustan. Ĝi kaj historiaj dokumentoj revigis la aŭtoron. Viveca vortopentro bildigas lokojn, tiamajn cirkonstancojn en ekonomio, politiko, religio kaj enkarnigas simpatian agantaron. Peniko de majstro kreis kulturbildon allogan, al kiu leginto volonte revenadas.

Sed la nomoj de la tradukintoj atentigas esp-iston pri alia flanko de la libro interesa: pri la lingvo! Kiu aŭdis iam paroladon de s-ino Isbrücker aŭ ŝia edzo, li legante ĉi libron komprenos la luktadon kun la malfacilaĵoj de l'originalo. Ili ne estis evitataj sed kuraĝe atakataj. Pro tio „Akbar" apartenas al nia literaturhistorio, verko. kiu montras al ni klare la transiron de la lingvo antaŭmilita al la elasta lingvo moderna. Ni trovas ankoraŭ: „post" en senco loka, „tiam" anstataŭ „poste", „antaŭl ol" („antaŭ kiam"), „ankoraŭ" („jam"), iri renkonten (renkonte), teniĝo (sinteno), vidu (rigardu), aŭdu (aŭskultu), „la" antaŭ propraj nomoj k. s.; sed jam rimarkindajn novaĵojn: „malema" k. s., akuz, nur kie nepre necesa ekz. „retiriĝi en arbaroj", nedeklinatajn nomojn proprajn. Ke la tradukintoj konscie laboris, pruvas la listoj de novaj vortoj (33) je la fino. Sed ili ne estas kompletaj; ekz. „enorma" 43/10 (supermezura, grandega, nenorma, grandioza, ega, trea), „korpulenta" 40 12 (iom dika, diktalia, dikventra, grastalia), „Padro" 64/7 (1. pater, ordena patro, kat. ordenano, monaĥo). Aliflanke mankas ankoraŭ la kuraĝo skribi tion, kio buŝe jam estis praktikata en 1924 ĉe kunmeto de vortoj; tiel restis ekz. „larĝŝultra", „vivvojaĝo", „rokkolosoj" k. s. Fine estas provita la enkonduko de „darfi", „mis-", „retro" kaj starigo de regulo pri uzo de akuz. en nerekta komplemento. Tion devos pravigi

aŭ ne la natura evoluo de la lingvo. Sed la merito de la aŭtoroj restas esti donacintaj al ni tian ne nur laŭenhave sed ankaŭ stile interesan verkon; nia estas la tasko. studadi ĝin.
W. Smital-Wien.

**Angla-Esperanto Vortareto,** 11×7 cm, 36 pĝ., prezo 2 pencoj, en la sama eldonejo.

**Behrendt,** Esperanto, die internationale Hilfssprache. Ein Lehrbuch für Post-, Telegraphen und Fernsprechbeamte. Verlag Franz Wesphal, Lübeck, prezo 2·50 M.

Se la titolo de tiu libro, 216 paĝa, konfesus, ke ĝi estu poresperanta propagandilo ĉe poŝtistoj, telegrafistoj, kaj instruu resume la mirindaĵojn de l' radio, ĝi pli ĝuste signus ĝian valoron, kaj — supozeble — ankaŭ ĝian celon. Mi komentarius dirante, ke la tekstoj estas interesaj kaj tre bonstilaj, kelke da detalaĵoj gramatikaj eĉ allogas, ekz. klarigo de la genitivo objektiva, aludo al germanaj vortoj por montri la etimologion de l' afiksoj. Sed nomi ĝin taŭga lernolibro mi tute ne povas. Stranga mikso de instrumetodoj, kies unu efike kontraŭas la alian. Ĝi montras la afiksojn, gramatikajn regulojn tie, kie hazarde ekzemplo de l' teksto instigas; sed ju pli bona, flua la teksto, despli netaŭga ofte estas ĝuste tiu okaza ekzemplo. Penpene oni devas serĉi alian, pli evidentan paradigmon en iu posta leciono. Mi forte dubas, ĉu komencanto — ja por tia estu lernolibro — komprenas la artikolojn pri elektraj ondoj, Radio, kaj internacia telegraf-konvencio. Se li ilin komprenas, li jam ne bezonas instruon pri tro simplaj gramatikaĵoj. La instruato eble lernos pli da stilaĵoj de la germana lingvo ol de Esperanto. Mi ripetas bedaŭre: propagandilo, ne lernilo!
D-ro Blaas.

**Christaller,** 50 Modelaj Leteroj pri komerca korespondado. Wilhelm Violet, Stuttgart, 1927, 18/12 cm, 32 pĝ., prezo Rm. — 75.

Estas certe taŭga helpilo por komencantoj inter la komerca junularo, ankaŭ en 8 aliaj lingvoj havebla. La enhavo koncernas simplan korespondadon de firmoj en Germanujo (!) kutiman dum interrilato komerca pogranda. La efektive internacia import- kaj eksport-trafiko montras pli altajn taskojn malfacilajn. Por ĝi ankoraŭ mankas kompleta kaj ne pridiskutebla, respektive oficiale aprobita fakvortaro aŭ esprimaro. Fr. J. Schade.

**Devoj de la homo.** De Giuseppe Mazzini. El la itala lingvo tradukis Mikaelo Arabeno, Genova. Laborista Esp.-Grupo. 1922. Mazzini (1805—1872) fama itala socialisto kaj agitatoro, naskiĝis en Pisa, agis en Genova kiel advokato kaj ĵurnalisto. Li estis entuziasma batalanto por la idealoj de l' homaro: libereco kaj egaleco. Kiel „carbonaro" li estis ekzilita kaj pro konspiro, gvidita de li el Genève (Svisujo), en „kontumacio" kondamnita al morto. En 1848 li revenis Italujon, kie li fondis gazetojn kaj estis elektita deputito. Post lia morto la itala parlamento rekonis liajn meritojn kaj la itala popolo eĉ nun gloras lian memoron.

M. skribis multajn valorajn, ĉefe sociologiajn verkojn, inter kiuj la „Devoj de la homo" estas unu el la plej konataj. Ĝi estas valora por ĉiu civilizita homo. Pro tio estas tre salutinda la eldono en Esperanto, per kiu la grava verko povas esti konigita al la internacia legantaro. Sed bedaŭrinde la traduko estas tiel malbona, ke ni povas ĝin nur mallaŭdi, eĉ ne konsiderante la amason da preseraroj. Espereble plibonigita flue esperantstila noveldono iam ebligos al ni ĝui ĉi tiun eminentan libron. D-ro Sós.

**„Du kantoj",** 4 pĝ. folieto enhavanta „La Espero" kaj „La Tagiĝo". Eldona Societo E., Stockholm 1, Fako 698. Prezo 10 öre.

**Einfache Gespräche für Anfänger zur Einführung in die Esperantosprache** von Martha Schulz und Rektor Paul Matschkewitz. Eld. Carl Bäcker, Leipzig. 78 pĝ.

La libreto enhavas simplajn interparoladojn por komencantoj, kiuj celas la enkondukon en la E.-lingvon. Ĝi estis eldonita kiel saluto de l' urbo Danzig al la partoprenantoj de la XIXa mondkongreso de E. Ĝia enhavo konsistas el bonstilaj german-Esperantaj dialogoj pri diversaj temoj de l' praktika vivo kaj lokaj (Danzig-aj) vidindaĵoj.

**El spertoj pri interna funkciado de la Floraj Ludoj,** de Delfi Dalmau Prezo: sv. fr. 0·50. Pri celo kaj organizo de ĉi tiu „tradicia ĉiujara festo de la esperantista popolo tutmonda" donas la 24 paĝa broŝureto ĉiujn necesajn klarigojn al literature verkantaj samideanoj, kiuj havas la intencon partopreni la konkursojn. Adreso: Strato Valencia 245, Barcelona. Sós

**Eszperanto-Nyelvtan,** hungara lernolibro por komencantoj. Tria eldono. Eldonita de „Hungarlanda esperantista laborista asocio". Prezo: pengő 1.20. Jam ĝis nun estas vendataj 3000 ekzempleroj. Tio mem taŭgas por rekomendo de ĉi tiu bonega lernilo. Ĝuste ĝi instruas (sur p. 42) ke ajn estas uzata nur ĉe demandvortetoj. Bona admono al la uzantoj de „iu ajn" k. c. Ni trovas (sur p. 73) la sufikson iv. Ĉu ĝi estas fundamenta? Ankaŭ end estas jam enregistrita. Al hungaraj laboristoj ni gratulas, ke ili povas uzi tian taŭgan lernolibron. Sós.

**„Esperanto,** Lingvo Internacia" estas presita sur ŝildetoj (23×36 cm) kaj servos al propagando por E. en publikaj lokoj. Prezo po 2 reliefŝildoj aŭ 3 ebenaj aŭ. Ŝ. 2·— afrankite de G. Vermandere, Antwerpen, Flämingstr. 18.

**Krimo de Fan k. Morto de paguro,** de Naoja Ŝiga, el la japana trad. s-ino Maĉiko Kaĵi; Bibl. de Jap. Literaturo, vol. 7; 1926; Esperanto-Kenkjû-Ŝa; 31 pĝ., 16:11·5 cm, broŝ.

Trudiĝas komparo stranga: La kajero estas kvazaŭ serurtruo, tra kiu okcidentano povas

sekrete observi la intiman animvivon de orientanoj. Traktata estas en la unua novelo aktuala problemo de ĉiulanda kriminalpsikologio, nome la demando, kiom „kulpas“ kriminto je sia faro. La juĝisto longe ekzamenas plej atente kaj ĝisfunde la sincere konfesinton kaj forsendinte lin ekskribas: „Senkulpa“. La psikologia teksaĵo per sia delikateco same kiel la stilo memorigas pri Arthur Schnitzler. La dua novelo sarkasme pentras la distancon inter la „senco de l' vivo“ kaj ĝia ekkono laŭsciencula. La plaĉa flua stilo de l' tradukaĵo estas ne tute eŭropkutima kvankam facile komprenebla; do despli interesa. Walter Smital-Wien.

**„L'initiation à l'Esperanto“** par M. Rollet de l' Isle eld. Belga E.-Instituto, Antwerpen, 1928; 75 pĝ., pr. ne montrita.

La libro pritraktas en franca lingvo la verkon de Zamenhof, kiu prezentas la solan solvon de internacia lingvo kaj kiu estas vivanta lingvo; la historion de E. kaj la vivon de Zamenhof, la organizon kaj la nunan staton de la movado fine la celon kaj la manieron de la propagando.

Ni gratulu al la francaj samideanoj, ke nia eminenta Rollet de l'Isle donacis al ili tian valoran propagandilon kaj informilon por la samideanoj mem, kiuj multon povus lerni el ĝi. Sed ni bedaŭras, ke la samideanoj, kiuj ne scipovas la francan lingvon, ne havos la eblecon konatiĝi kun ĝia enhavo. Esperantlingva eldono multe valorus! Steiner.

**Raportaro** de l'lingvaj institucioj, 20 pĝ. broŝuro, kiu enhavas la tre interesajn raportojn de l' prez. kaj la direktoroj de la diversaj sekcioj de E.-Lingva Komitato kaj Akademio.

**„Die Godesburg“**, gvidfolio 4 pĝ. kun 4 bildoj. eld. de Turisma Servo de UEA., verk. de Butin, LK., aldono al „Esperanto“.

**„Saarbrücken“**, la germana limurbo apud Saar, 8 pĝ. gvidfolio kun 7 belaj bildoj kaj landkarteto, eld. de E.-Ligo de Saarteritorio. Bela propagandilo. Aldono al „Esperanto“.

**„Monata Raporto el Japanujo“** enmondiĝis en aprilo nj. Nikoo E.-Grupo en Sendai eldonas ĝin. Ĝi raportas ĉiujn novaĵojn nur en E.

**Literŝanĝ-enigmo**




Oni ŝanĝu en tiu vorto po unu literon, formante novajn vortojn. La 4a nomas riveregon en Afriko.

## Rekomendindaj firmoj.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.
Gemischtwaren = Diversajoj:
Alois Cisař, Bisambergstr. 21.

**Kaltenleutgeben.**

Peter Pich, komercisto (E), Hauptstrasse 61.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunv.) „Pastete", Sporg. 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Leoben.**

E.-Verein f. Steiermark: Cafe Weidbacher, Mi (me) 20—22 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.
Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum", Museumstraße. Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-sta en Wien, I., Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 17·30—19·30 h.
I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 12, Kafejo Hofbauer, Di. (m) 19·30 h.
Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, IV., Schäffergasse 3, Mi (me) de 19 h.
Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.
„Konkordo", IV., Margaretenstr. 33 (Kaffee Aŭstria) Do (ĵ) 20 h.
Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—22 h.
Esp.-societo „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.
Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.
Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.
Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.